# INTERNACIA

JARO XII, SOFIA — BULGARIO
OKTOBRO—DECEMBRO 1968, № 4



# JURNALISTO

ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)


## LA TELEKOMUNIKADO KAJ LA KOSMO EN SERVO DE VASTA INFORMADO

La poŝtistoj kaj la telekomunikistoj estas nuntempe la plej aktivaj disvastigantoj de gazetoj, revuoj, informtelegramoj, de radio- kaj televiddissendoj ktp, t. e. disvastigantoj de diversaj gazetaj, radio- kaj televidinformoj. Ili utiligas tiucele ĉiujn modernajn i formrimedojn, aparatojn kaj telekomunikilojn. Dum la konferenco de IPTEA (Internacia Poŝtista kaj Telekomunikista Esperanto-Asocio — kies sidejo estas en Sofia, Bulgario, okazinta en Varna (Bulgario), inĝ. Nikola Raŝev faris prelegon je temo „Telekomunikado kaj kosmo“, kiun ni ĉi-sube publikigas en tre mallongigita formo, ĉar tuŝas ankaŭ priĵurnalistajn informtelekomunikilojn.

Multaj atingaĵoj kaj sukcesoj de la scienco kaj tekniko povas esti ĝuste kaj objektive pritaksataj, post kiam klariĝas, kiomgrade la homo pligrandiĝis sian potencon kontraŭ la naturaj fortoj. Ĉiu venko kontraŭ la naturo, kompreneble, pligrandigas la homan potencon.

Ekde la momento, kiam komenciĝis la vivo sur la tero, ĉiuj vivantaĵoj kaj la homo mem estis ĉiam ligitaj al la patrino-tero. Sed la revo de la progresema homo ĉiam estis penetri supren al la steloj.

Ĉiu memoras la daton 4-a de oktobro 1957, kiam en Sovet-Unio oni lanĉis en la kosmon la unuan artefaritan tersateliton la unuan sputnikon. Nelonge post tio, je la 12-a de aprilo 1961, la unua homo Jurij Gagarin vizitis la kosmon.

Ĉu telekomunikistoj ne meritas dankon, ĉu ili ne donis sian kontribuon por tiu grandioza venko de la homo? Oni povas diri, ke ĝuste ili ludis gravan rolon en la realigo de tiu ĉi venko. La unua en la historio kosma telekomunikado realiĝis en la momento, kiam la sputniko forlasis la teran atmosferon je la 4-a de oktobro 1957, kiam la sovetaj sciencistoj pere de radiotekniko, aŭtomatiko kaj telemekaniko komandis la sputnikon kaj ricevis returnajn informojn.

Sekvis multaj sovetaj kaj usonaj sputnikoj, unue kun esploraparatoj, poste kun bestoj kaj fine kun homoj. Ĉiam oni komandis de la tero kaj ricevadis returnajn informojn pere de telekomunikaj rimedoj. La telekomunikistoj bone servis al la scienco, eĉ kiam oni sendis interplanedajn kosmoŝipojn ĝis la najbaraj planedoj. La homo ne preterlasas la okazon kaj la eblecon ankaŭ en la unua stadio de scienteknikaj atingaĵoj en la kosma agokampo uzi senperan utilon.

La ondoj de la telekomunikada radio, kiujn oni uzas por televidaj dissendoj en la spacon, estas tre mallongaj (1 ĝis 10 m), kaj ili disvastiĝas lummaniere — rekte, do la sfera formo de la tero prezentas por ili obstaklon. Tial sur la tera surfaco oni uzas multajn translaciojn por dissendi la televidan programon sur pli granda distanco, ĉefe kiam la lando estas montara, kiel ekzemple Bulgario. Por eviti multajn translaciojn, oni provis kaj uzis flugmaŝinojn, sur kiuj oni instalis la translaciajn aparatojn.

Kiam en la kosmo aperis la sputniko, la telekomunikistoj tuj donis al ĝi la taskon translacii la televido — kaj radioprogramojn per ultramallongaj ondoj, kaj ankaŭ multajn aliajn taskojn. Tiamaniere ni jam vidas, ke televido, radio, telefono kaj telegrafo en ras

la kosmon. Nun Sovetio, Usono kaj kelkaj aliaj nacioj uzas sputnikojn por telekomunikado. La japanaj telekomunikistoj uzas sputnikon por translacii de Tokio ĝis Londono la olimpikajn ludojn. Ankaŭ dum la pasinta jaro oni translaciis per sputniko la X-ajn olimpikajn vintrajn ludojn en Grenoblo kaj estis eble observi ilin sur la tuta terglobo. (Kaj ĉi-jare la olimpikajn ludojn en Meksiko). Oni nun preparas la transsendadon de la televidprogramo de Sofio pere de la nova soveta sistemo „Orbita" kun sputniko. Tiam Intervizio en ligo kun Evrovizio, ekz. per la usona „Telstar", ebligos observadon de la IX-a Festivalo de la Junularo kaj Studentoj, kiu okazos ĉi-somere en Bulgario. (Kiu jam okazis—rimarko de la redakcio).

Helpe de sputnikoj, la emisiado kaj la translacio estas pli rapida, preciza, senavaria kaj malmultekosta. Estas eble elsendi ne nur televid- kaj radio-programojn, sed ankaŭ telefoni, telegrafi, sendi meteorologiajn sciigojn, fotojn kaj materialojn de ĵurnaloj, dank' al kio oni povus presi ĵurnalojn en kelkaj malproksimaj urboj aŭ landoj samtempe. Oni povus konduki milojn da samtempaj telefonaj interparoloj inter urboj, landoj kaj kontinentoj. Kune kun la perfektigo oni solvos ankaŭ la demandon pri la kostoj, kiujn oni elspezas; ili devas esti malpli grandaj ol la kostoj de la ĝisnunaj rimedoj de telekomunikado.

Oni konstruas sinkronajn kaj nesinkronajn sputnikojn. La sinkronaj havas pli grandan orbiton — ĝis 36,500 km alto. Je tia distanco oni kalkulis, ke dum 24 horoj ĝi faras nur unu turniĝon ĉirkaŭ la tero. En tia okazo la angula rapideco de la sputniko sinkroniĝas kun la angula rapideco de la terglobo, kaj por observanto staranta flanke de la terglobo la sputniko restas ĉiam sur unu loko. Laŭ tio, kian surfacon la sputniko devas kovri, oni uzas unu aŭ pli da starantaj sputnikoj.

Ĉe la nesinkronaj sputnikoj oni estas devigataj uzi kelkajn el ili, ĉar se la sputniko estas nur unu, ĝi staras sur la firmamento nur dum kelkaj horoj. Post ĝia malapero devas aperi dua, poste tria ktp ĝis 12 depende de la alto de l' orbito. Sur la tero oni devas instali plurajn staciojn por komando kaj sekvado de la movado.

Malavantaĝo estas pli malproksima, la vojo de la signalo — pli granda tien kaj reen, ĉe la telefonparolado oni sentas, kvazaŭ la interparolantoj perdas la kontaktojn inter si.

Alia malavantaĝo estas tiu, ke necesas pli granda energio por la translaciado.

Alia tre interesa novaĵo en la agokampo de la kosmo estas tiu, ke oni translacias telekomunikaĵojn sen sputnikoj, uzante la malproksimajn jonigitajn tavolojn de la kosmo. Ekzemple, se oni direktas de Eŭropo kaj Ameriko samtempe la radiojn sur unu punkton en la kosmo, estas eble por la mallonga tempo esti en kunligo. Dum tiu tempo oni sendas densigitajn telekomunikojn. Ekzistas aparatoj, per kiuj oni povas densigi la sendatajn signalojn. Ekzemple, se telegrafisto povas akcepti kaj enskribi 100 aŭ 130 signojn (literojn) en unu minuto, per la densiga aparato laŭ elektrona vojo oni sendas kaj akceptas ĝis 25 000 signojn. Oni ne povas antaŭvidi, kiajn sensacian novaĵojn en la agadkampo de la telekomunikado ni baldaŭ aŭdos.

Ni esperantistaj poŝtistoj estas fieraj ne nur kiel telekomunikistoj, kiuj ligas la kosmon kun la terglobo, sed ankaŭ kiel esperantistoj, kiuj, venkante la lingvajn barojn, kapablas ligi la korojn de ĉiuj homoj sur la terglobo per nia Esperanto, por kiu antaŭstaras tiaj perspektivoj, kiujn ni ne povas sufiĉe alte taksi, kiel oni ne povas taksi, kiom grandioza estas la utilo por la konkero de la kosmo.

---

### ĴURNALISTO-BATALANTO

*La okan de septembro 1943, post longa turmentado en la manoj de la naziistoj, en Praha, Ĉeĥoslovakio, pereis Julius Fučik. Pasis jam 25 jaroj de la mortigo de la brava patrioto, homo kaj ĵurnalisto, ĉeĥoslovaka heroo. Lia vivo kaj verkaro estis destinitaj al la pli bona vivo de la popolo en lia patrolando, de la tuta homaro. Neforgesebla restos por la homaro kaj por la ĵurnalistoj speciale lia „Raportaĵo kun pendigŝnuro ĉirkaŭ la kolo", lasta, sed bonega ĉefverko, skribita en la naziista malliberejo.*



## MALFERMITA LETERO AL KAMARADO E. SVADOST

Estimata kamarado Svadost,

Mi volas fari kelkajn notojn pri via libro „Kiel aperos tuthomara (ĝenerala) lingvo“. Tiun ĉi libron ni pridiskutis en du sinsekvaj kunvenoj de nia tuturba esp. societo „Maksim Gorkij“. Ĉeestis la kunvenojn pli ol 100 personoj. En la pridiskuto partoprenis pli ol 20 kamaradoj, inter kiuj troviĝis filologoj, instruistoj, akademiano kaj aliaj adeptoj de la problemo pri internacia lingvo. La plimulto el ili antaŭ la pridiskuto estis legintaj la libron. Do, kiel vi vidas, via libro vekis grandan intereson inter nia membraro. Kia estis la rezulto? Sincere dirite, ĉiuj parolintoj opinias, ke vi ne pritraktas objektive la problemojn aparte troviĝantajn en la dua kaj tria ĉapitroj de la libro. La saman opinion ankaŭ mi havas. Niaj argumentoj kaj motivoj resumiĝas jene:

1. Vi parolas pri helplingvo, internacia lingvo, ĉeflingvo kaj pri unu sola tuthomara lingvo. Laŭ via opinio la lasta devas esti la lingvo de la estonta komunisma socio. Ĝi kreiĝos ne rezulte de la kunfluiĝo de la apartaj naciaj lingvoj, nek ĝi estos daŭrigo de iu el nun proponataj artefaritaj lingvoj. Tiu ĉi lingvo tamen antaŭ ol aperi devas esti tiom perfekta, ke post ĝia apero oni preskaŭ ne bezonos ĝin perfektigi. Sed kio okazus se troviĝus kritikantoj, kiuj ne aprobas tiun lingvon? Oni devas korekti ĝin. Tamen poste troviĝos aliaj, kiuj ne aprobos la faritajn korektojn. Kion fari? Do vi estas filozofo kaj scias, ke ideale perfektaj aferoj ne ekzistas kaj ne povas ekzisti. La neperfektaĵoj kaj perfektigoj estas eternaj. Kio estas hodiaŭ perfekta morgaŭ estos neperfekta. Tiaj estas la leĝoj de la dialektiko.

2. Pri via unusola, tuthomara lingvo. Ni konsentas kun vi, ke la lasta ne aperos rezulte de la kunfluiĝo de la naciaj lingvoj. Sed kial ne aperi surbaze de iu ĝis nun proponata kaj ekzistanta artefarita lingvo? Ĝi povus esti refarita ĝis nerekonebleco sed tamen servi kiel bazo.

Tamen paroli ankoraŭ hodiaŭ por kreo de unu sola, tuthomara lingvo de la estonta komunisma socio, laŭ nia opinio tio estas demando de la estonto, afero por nun ne ebla, ne urĝa. Estas ankoraŭ frue eklabori pri tia lingvo en la nuna, komplika, plena je kontraŭdiroj epoko.

Sed paroli kaj labori por lingvo internacia, artefarita, ekzistanta kune kun la naciaj lingvoj tio estas afero tute reala, ebla, necesa, eĉ urĝa. Kia lingvo devas esti ĝi? Ĉe la ekzistado de tiom da artefaritaj kaj proponataj lingvoj kaj de tiom da provo, eksperimentado kaj sperto sur la kampo de la internacia lingvistiko voli (strebi, krei novan lingvon estas egale peni malfermi malfermitan pordon. Sekve ĝi devas esti el la ekzistantaj ĝis nun artefaritaj lingvoj. Sed kiu el la ekzistantaj? Laŭ nia opinio ĝi devas esti unu el la plej multe eksperimentitaj kaj devas havi la jenajn necesajn kvalitojn:

a. Simpleco — sekve plej facile ellernebla.

b. Reguleco kaj logikeco, kio faciligus la lernadon.

c. Plej multe disvastigita en la mondo, kio pruvas pri ĝia uzebleco.

d. Esprimkapableco, por ke oni povu apliki ĝin en la ĉiuflanka vivo de la homoj.

Ni opinias ke inter la proponitaj kaj proponataj ĝis nun artefaritaj lingvoj Esperanto okupas la unuan lokon. Ĝi respondas al la montritaj 4 kvalitoj. Pri la tri unuaj punktoj pli aŭ malpli vi konsentas en via libro, vi ilin rekonas. Vi ne konsentas nur pri la kvara punkto, pri la esprimkapableco, kaj ke estas grandparte okcidenta. Sed ne agnoski tiun kvaliton de Esperanto kaj paroli ke ĝi estas grandparte Okcidenta, viaflanke estas tute nature, ĉar vi ne konas la lingvon. Ĉu oni povas paroli kaj fari konkludojn pri aferoj kiujn oni ne komprenas kaj ne konas? La donitaj de vi apartaj fragmentoj kiel ekzemploj pri nekapableco de Esperanto estas farite tute nekompetente kaj tendence. Tiuj ekzemploj estas tute nekonvinkigaj.

Vi mem konstatas en via libro, ke dum 1907 en Francio estis formita unu komitato konsistanta el 11 plej famaj kaj elstaraj akademianoj, sciencistoj, komisiitaj de la Akademio de la sciencoj ellabori kaj proponi unu lingvon artefaritan. Tiu komitato trastudis 40 artefaritajn lingvojn kaj inter ili akceptis Esperanton kiel bazon por tiu lingvo, sed pro diversaj kaŭzoj siatempe tiu ideo ne povis realiĝi. Ĉu tiu fakto ne estas serioza pruvo pri la taŭgeco de Esperanto?

3. Ni konstatas, ke kiam vi parolas pri aliaj lingvaj sistemoj, kiuj lingvoj delonge ne ekzistas, via tono kaj analizo estas trankvilaj, sed tuj kiam vi komencas pritrakti Esperanton, vi perdas la ekvilibron de la objektiva analizo kaj je ĉiu frazo estas rimarkata kontraŭesperanta tendenco. Oni restas kun la impreso, ke vi estas influata de antaŭjuĝoj ekzistantaj delonge en certaj

aŭtoritatoj.

4. Pri la ideologio de al'aj aŭtoroj de la lingvaj projektoj vi ne parolas, kaj pri la ideologio de Zamenhof vi detale parolas. Ĉu tio estas nepre necesa kaj ĉu vi tion faras hazarde? Oni restas kun la konvinko ke vi tion faras intence pro via negativa rilato al lingvo Esperanto. Sed tamen ĉu la ideologio de Zamenhof povas esti kaŭzo por ke li ne kreu bonan artefaritan lingvan sistemon. La historio asertas, ke multaj aŭtoroj nemarksistoj donis al la homaro utilajn inventaĵojn. Kion diri pri la verkoj de Darvin, Hegel ktp. sciencistoj, filozofoj, ne marksistoj. Sed Marks kaj Engels tute ne timis sur la sciencaj atingaĵoj ĝistiamaj krei sian historian kaj dialektikan *materialismon*, entute sian sciencan teorion.

Ĉu tiujn aferojn faris specialaj komitatoj kaj komisionoj konsistantaj el plej perfektaj scienculoj kaj akademianoj, speciale komisiitaj pri tio? Do ĉu sammaniere oni ne povus alpreni kaj se necese korekti iun jam kreitan artefaritan lingvon kaj tiamaniere utiligi la laboron de aliaj homoj, kiuj dekoj da jaroj pensis, laboris kaj eksperimentis pri tiuj aferoj.

Ni ne forgesu ankaŭ, ke kvankam ne marksisto, Zamenhof estis tamen arda batalanto kontraŭ la rasismo, la ŝovinismo, batalanto por interpopola komprenigo kaj tutmonda paco, malgraŭ ne tiom konsekvenca.

5. Laŭ via opinio Esperanto ne estas taŭga ankaŭ pro tio, ĉar ĝi estas kreita de pacifisto kaj kredanto Zamenhof, kaj ne de marksisto; laŭ vi ĝi eble povus servi al la kapitalista sistemo, ĉar grandparte ĝi estas okcidenta, sed por la socialisma socio ĝi ne taŭgus. Sed oni jam scias ke la rusa lingvo ne estas kreita de marksistoj kaj ĝi egale bone servis al Ekaterina II-a kaj al la batalantoj kontraŭ la cara reĝimo. Puŝkin, caro Nikolaj, Ĉerniŝevskij, Plehanov, Lenin kaj la nunaj sovetaj ŝtatestroj kaj verkistoj egale bone utiligas la rusan lingvon. La sam estas kun ĉiuj naciaj lingvoj; la samo estas kun la artefaritaj lingvoj kaj ankaŭ kun Esperanto. Okcidentaj malamikoj de Esperanto riproĉas ĝin ke ĝi estas kreita sub la influo de la slavaj lingvoj, kaj la slavaj kaj orientaj kontraŭuloj kulpigas ĝin ke ĝi estas grandparte okcidenta. Do, kio estas la vero? La vero estas ke Esperanto estas taŭga servi kiel al la *Okcidento* tiel *ankaŭ* al *Oriento*.

6. Kiam vi citas la vortojn pri Esperanto de diversaj aŭtoritatoj, kiel ekzemple de Maksim Gorkij, Anri Barbjus, Tolstoj, Er. E. Drezen kaj aliaj, apoge al via tezo rilate Esperanton, vi tute *tendence, unuflankece* faras tion. Kial vi ne interpretas la verajn iliajn eldirojn pri Esperanto? Kaj iliaj pozitivaj eldiroj estas tre konataj ankaŭ al vi, sed vi tion ne faras, ĉar iliaj opinioj estas kontraŭ via tezo.

7. Kamarado Svadost, ne forgesu, ke Esperanto havas 80-jaran historion; dum tiu periodo multaj profetoj antaŭvidis la finon de Esperanto, sed la profetoj kaj iliaj verkoj foriris kaj Esperanto kaj la esperantista movado restas kaj progresas pli kaj pli, spite al ĉiuj malamikoj. Tio okazas, ĉar Esperanto havas krom propraj internaj dialektikaj leĝoj de konstanta evoluo, ankaŭ eksterajn favorajn objektivajn kondiĉojn, kontraŭ kiuj neniu povus malhelpi.

Per tiuj ĉi kelkaj vortoj mi finas mian leteron kaj samtempe petas pardonon, se mi diris iujn rekonvenajn vortojn pri via libro kaj pri via personeco.

Kun estimo: N. Nanov — prezidanto de la Sofia esperantista societo „M. Gorkij"

---

Red. noto: La redakcio de „I. J." aperigos ankaŭ aliajn opiniojn pri la libro de E. Svadost, se ĝi ricevus tiajn.

---

### NOVA E. KUNFRATO — „INTERLIGILO"

*Ĉi-jare en Sofio (Bulgario) komencis aperi nova Esperanto-revuo „Interligilo" — organo de Internacia Poŝtista kaj Telekomunikista Esperanto-Asocio. Ni ricevis jam la oktobran n-ron 5. Kvankam multobligata, la organo de IPTEA estas tre interesa ankaŭ por ĵurnalistoj. Adreso: Bulgario, Sofia C, Poŝtenska kutija 25, IPTEA.*

### SERIO ORIENTO-OKCIDENTO DE UEA

**Aperis la n-ro 9 en la konata Serio Oriento-Okcidento sub la aŭspicio de UEA. Temas pri „El la vivo de Syunkin", de la moderna japana aŭtoro Tanazaki — kolekto enhavanta du teatraĵojn kaj du novelojn. El la dramoj, unu („Okuni kaj Gohei") estis prezentita en la Unua Internacia Arta Festivalo, Harrogate 1961.**

**En la 10 volumoj jam aperintaj (unu, la Dia Komedio de Dante, estis nenumerita), 6 estas verkoj okcidentaj kaj 4 orientaj. Tri aliaj orientaj estas aperontaj. Per tiu ĉi elstara eldonserio UEA kontribuadas al la Programo de Unesko por Reciproka Studo kaj Aprezado de Kulturoj**

### SEMAJNO DE INTERNACIA AMIKECO

**La „Semajno de Internacia Amikeco" deklarita de Universala Esperanto-Asocio okazos la unuan fojon en februaro 1969. La celo estas: krei tradician feston en la Esperanto-movado, kiu samtempe povos populariĝi ankaŭ ekster la movado, tiel diskonigante la Internacian Lingvon. En la Semajno povos okazi festaj kunvenoj dediĉitaj al la ideo de internacia amikeco kaj kunlaboro. Salutkartoj kun teksto plurlingva (*i. a. Esperanta*) servos por atentigi pri la Semajno kaj firmigi amikecon trans landlimoj.**

ORGANIZA VIVO

## ĴURNALISTA KUNSIDO DUM LA DEKA BALTLANDA ESPERANTO TENDARO (BET)

La Deka BET — jubilea, kiu okazis de la 27 de julio ĝis la 7 de aŭgusto 1968 en Ruba (Latvio), bonvenigis sub sia egido la esperantistojn el 12 Sovetaj respublikoj. Kaj, certe, la ĉefan nombron konsistigis la baltlandanoj. El 216 partoprenintoj proksimume duono venis el la Baltaj respublikoj. El la tuta nombro de partoprenintoj 140 estis gejunuloj, kaj la ceteraj estis E-veteranoj.

Le Unua BET naskiĝinta en 1959 — same en Latvio, kiel modesta iniciato, iĝis, kiel ĝuste akcentis la litova reprezentanto Poŝka, elefanto el muŝo. Dum la Deka tendaro estis multaj kunvenoj, disputoj, lekcioj de Somera universitato, artvesperoj kaj amuzaj aranĝoj. Sed ni pensas, ke al la legantoj de „IJ" precipe estos interesa la ĵurnalista aktiveco. Tial ni limigos nian priskribon nur de tiu sola temo.

Entute venis nur kelkaj TEĴAanoj, inter ili N. Danovskij, J. Gold, B. Rogov, sed estis multaj profesiaj kaj amatoraj ĵurnalistoj, kiel Podkaminer, Adrianova, Salehmanova kaj aliaj. Kelkaj el ili tuje aliĝis ankaŭ al TEĴA.

La kunsidon de ĵurnalistoj gvidis la ukraina ĵurnalistino Nadia Andrianova, kiu tre trafe notis, ke inter la kunvenintoj estas regantaj humoroj de ambaŭ ĵurnalistaj aspektoj de laboro: „organiza" kaj „enhava". Oni decidis, ke valoras doni eliron al la ambaŭ fluoj. La unuan inspiris N. Danovskij, la duan — B. Rogov.

En la unua parto (organiza) oni akcentis la gravecon de la plifortigo de TEĴA vicoj, celkonformon de ilia retigo laŭ respublika principo kaj la kreon de ĵurnalista priservo en ĉiu pli-malpli modeliĝinta (konstituinta sin) esperantista grupo. En tiu okazo povas prezentiĝi tri eblecoj:

A. Se inter la grupanoj estas profesia ĵurnalisto de iuj nacilingvaj gazetoj, tiam oni devas ĝuste lin altiri al la sistema analigo kaj prezento en E-preso de ĉiuj elstaraj eventoj kaj personoj, gravaj por koncerna grupo.

B. Se same estas nur amatora ĵurnalisto, t. e. homo, okupiĝanta pri kontribuo al gazetaro epizode inter sia ĉefa profesia laboro, memkompreneble, oni devas komisii al tiu ano de l' koncerna kolektivo la saman laboron de priskribo kaj analigo.

C. Se inter la grupanoj estas neniu homo, kunlaboranta en gazetaro, tiam oni devas elekti unu, pleje kapablan en literaturado kaj komisii al li iĝi kunlaboranto por E-gazetoj kaj, certe, TEĴA-ano.

Tiamaniere neniu E-kolektivo restos sen homo, kapabla vidi eventon, priskribi kaj tiamaniere prezenti ĝin al la socia opinio por eventuala studo kaj interŝanĝo de sperto.

N. Danovskij rakontis pri la laboro de la „IJ", pri ĝiaj eblecoj kaj atingoj en sfero de internacia ĵurnalista kunlaboro. Pri Lebrun, kiu nun estas en Moskvo, pri Taneev, Blaĵkov, „Interhelpo" k. a., ĉio-ĉi estis temo de „IJ"-kontribuaĵoj.

La duan parton de l' kunsido okupis B. Rogov, laŭ kies iniciato ĝi estis dediĉita al recito de mallongaj literaturaĵoj, precipe poeziaj. B. Rogov prezentis la vorton al ĉiu partopreninto laŭ la alfabeta ordo de l' reprezentata respubliko, tiamaniere ĉiu havis eblecon reciti aŭ tralegi tion, kion li konsideras interesa por ĉiuj kunvenintoj. Estis prezentitaj vere tre interesaj pecoj.

La ĉefa moto de l' kunsido „Ĵurnalistigi esperantistojn" estis skande akcentita de la ĉeestintoj. Kaj la kreita de l' partoprenintaj ĵurnalistoj de l' Deka BET — gazeto „Impeto", al kiu kontribuis 30 aŭtoroj, estis majstre modelita kaj ornamita de l' leningrada pentristino V. Cvetkova. Ŝi eĉ pentris belan pejzaĝon de Ruba al la fruntartikolo de l' LTK-anino Mirdza Burgmeistere — „Latvio salutas vin".

La tuta atmosfero de la Deka BET, ĝia seriozeco kaj aferemo de unu flanko kaj arta kaj amuza de la alia igis ĉiujn al konkorda kunlaboro, kies elokventa kaj trafa reflekto estis la ĵurnalista kunsido. Kaj la latvaj kolegoj estis precipe ĝojaj kaj feliĉaj pro la fakto, ke ilia iniciato tiel hele enkorpiĝis en tradiciojn de „BET"-oj, sendube anticipantaj multajn estontajn sukcesojn de la Soveta esperantista movado.

**Anna Taivane**

---

## DEKJARA DATREVENO DE LA TUTMONDA ESPERANTO-KLUBO DE PACAMIKOJ „AMIKA SERVO"

En jaro 1968 pasis ĝuste 10 jaroj ek de la fondo de Tutmonda Esperanto-Klubo de Pacamikoj „Amika Servo" (Swiatowy Klub Przyjacio Esperanta i Miosnikow Pokoju „Suzba Przjazni) ĉe pollingva semajnrevuo „KULISY" en Warszawa (semajneldonkvanto 325.000 ekz.) Malgraŭ multaj malfacilaĵoj la Klubo disvastiĝis kiel multnombra organizaĵo, pri kio atestas interalie la fakto, ke jam aliĝis al ĝi pli multe ol 5000 membroj el 26 landoj, pri diversspecaj hobioj kaj profesioj, kunlaborantaj en la apartaj samtaŭgaj sekcioj.

La Klubo „Amika Servo" estas organizaĵo plejparte junulara kaj la varsovia semajnrevuo „KULISY" (Kulisoj) oferas al Lingvo Internacia ESPERANTO multe da konsidero, aperigante apenaŭ ĉiumonate multenombrajn korespondadresojn de geesperantistoj el Pollando kaj eksterlando.

Oni devas ĝuste konstati, ke pri la Klubdisvolviĝo grandan meriton havas la fondinto de Klubo „Amika Servo", ek de 50 jaroj enlanda kaj eksterlanda aktivulo en poresperanta movado, (literatura publicisto, konstanta kunlaboranto al M. E. M. (Mondpaca Esperantista Movado) kaj revuo „PACO", al Gazetara Servo U.E.A.,) mag. pri filozofio, s-no Mieĉislav. Zgórzewski el Vroclavo (ĉefurbo de Malsupra Silezio). En jaro 1967 li festis sian meritan jubileon kaj samtempe la 67-jaran naskiĝtagon.

Tutmonda Esperanto-Klubo de Pacamikoj „Amika Servo" ekkomencis lasttempe la organizadon de kelkaj novaj sekcioj, ekz.: turistan, fotoartan, de magnetofonemuloj kaj ankaŭ de propra rondvojaĝanta Muzikkanto — kaj Danco-Kolektivo „La Verda liro" (Zielona Lira). La Kolektivo interpretos modernajn kantojn polajn, bulgarajn, ĉeĥajn, hungarajn, rusajn (sovetajn), germanajn, estonajn, francajn, italajn, anglajn,— en naciaj lingvoj kaj en esperanto.

Ĉiuj polaj kaj fremdaj geesperantistoj-muzikemuloj profesiaj aŭ amatoraj, kiuj intencas aliĝi al Muziksekcio „La Verda Liro", bonvolu perletere interkomunikiĝi kun la fondinto de la Klubo „Amika Servo" laŭ la adreso: mag. fil. Mieĉislav Zgorzewski, Wroslaw 2, skrytka pocztowa 22, Pollando.

## ESPERANTO EN LA ĈEĤOSLOVAKA GAZETARO

En Ĉeĥoslovakio estas pluraj gazetoj kaj ĵurnaloj, kiuj de tempo al tempo alportas *informojn priesperantajn*. Krom la regula Esperanto-rubriko de ĈSEK (Ĉeĥoslovaka E.-Komitato), aperanta jam la trian jaron en kultura dusemajna gazeto NEDĚLE, redaktita de Oldřich Knichal kaj I. Vitek, funkcias proks. depost la lasta jaro ankoraŭ 6 similspecaj malpli ampleksaj rubrikoj, el kiuj unu 4 foje monate en slovaka junulara ĵurnalo Smena (eldonkvanto 300 000). Oni preparas regulan rubrikon en skolta gazeto Junák.

Artikolojn aŭ raportojn publikigas multaj distriktaj aŭ uzinaj gazetoj. Kvankam mi ne povas esti preciza taksante nombron, la tuta kvanto atingas meze duonmilon da artikoloj kaj informoj. Necesas diri, ke „Rudé právo", centra organo de KPĈS aperigos preparatan nun la unuan fojon sufiĉe ampleksan artikolon pri artefaritaj lingvoj kaj Esperanto. En Bratislava (Slovakio), kie ankaŭ la Radio jam elsendas i. a. Esperanto-kurson, la samideanoj estas tiurilete pli aktivaj.

Kompreneble restas diri ankoraŭ ion pri *nia gazetaro esperantlingva*. Ek de oktobro ni esperas aperigi monatan bultenon de la Preparkomitato de ĈEA (Ĉeĥa E-Asocio), anstataŭ la ĝisnuna neregula „Informoj de ĈSEK". En Slovakio jam estas paralele eldonata Esperantisto Slovaka (ankaŭ multobligita — dume). Junulara centro en Praha aperigas daŭre sian bultenon Zpravodaj (heroldo). Jam longe ne aperis ĉs. numero de Paco kaj la sorto de ties pluaj numeroj estas pritraktataj.

Ni firme kredas, ke E-Asocio en nia lando baldaŭ estos establita kaj ke ni povos eldonadi gazeton ne nur laŭ enhavo, sed ankaŭ laŭ aspekto.

Oldrich Knichal, Praha

### „LA MONDA LINGVO-PROBLEMO"

estas nova internacia, interdisciplina scienca revuo dedeĉita al ĝenerala pristudo de la lingva problemo. Ĝia celo estas: kunigi sub unu sama kovrilo tre diversajn esplorojn kaj diskutojn fundamente gravajn por ĉiuj lingvistoj, edukistoj, leĝ-farantoj, administrantoj k. a. interesitaj pri lingva planado, t. e. pri la elekto kaj efektivigo de difinitaj programoj rilate la uzon de lingvoj. Tiucele ĝi pritraktos la lingvan problemon el la vidpunktoj de sociologio, lingvistiko, juro, psikologio, ekonomiko kaj politiko.

Sub aŭspicio de la Centro de Esploro kaj Dokumentado pri la Monda Lingvo-Problemo (London-Rotterdam), LMLP aperigos originalajn studojn en diversaj naciaj lingvoj, kun resumoj en Esperanto, plus recenzoj kaj notoj laŭbezone. Volumo I (192 paĝoj en tri numeroj) ampleksas la jaron 1969. Abonkotizo por unu jaro-volumo: $ 7.00/25, — gld. afrankite, pagebla rekte al Mouton, Poŝtkesto 1132, Hago, Nederlando, aŭ per kiu ajn librejo aŭ peranto (ankaŭ per CED, Nieuwe Binnenweg 176, Rotterdam-2. Nederlando). Oni sendu la pagon kaj mendon kune al la sama instanco.

---

## HUMORO

### LA HONORARIO — *rakonto de A. Novikov — Priboj*

En siaj enkondukaj notoj — „Iom da antaŭhistorio" — al la romano „Cuŝima", la verkisto A. Novikov — Priboj rakontas pri siaj unuaj ŝtupoj kiel verkisto, pri sia unua honorario. Nun ni aperigas fragmenton el liaj rememoroj.

* * *

Foje ni kolektiĝis en la loĝejo de nia kamarado. Ni rememoris pri Cuŝima (kie okazis la granda marbatalo inter Rusio kaj Japanio — red. noto), ekdezirinte iom kompanfesteni, sed neniu el ni havis monon. Unu el la kamaradoj sin turnis al mi:

— Ĉu vi ne ricevis ion de la redakcio de „Nova Tempo" por via skizrakonto?

— Ne.

— Tiam kion vi atendas, malsaĝulo?

Ankaŭ mi aŭdis, ke la redakcioj pagas iom da honorario por la artikoloj, sed mi hontis iri tien, tial mi respondis sofisme:

— Kaj se oni rifuzos? Eĉ oni diros, ke mi estas stultulo. . .

— Oni ne rajtos, se oni aperigis vian verkon. Kaj jen, tri — kvar rublojn vi povus akiri. Tam ni regalos vian unuan literaturan verkon.

La ideo estas donita, la ceteraj aprobis ĝin kaj komencis instigi min:

— Ĉu oni preterlasu tian monon? Ankaŭ ni iros kun vi.

Finfine mi konsentis kun ili kaj ni — ok personoj — ekiris por ricevi la honorarion. La skizo „La pereo de la kirasŝipo „Borodino" mi skribis laŭ la rakonto de Juŝĉin, unu el la saviĝintaj maristoj. Kiam mi tralegis mian skizon, li aprobe deklaris:

— Ĉio estas ĝuste tiel, kvazaŭ vi estis kun ni sur

## BONA ELDONAĴO — „VIKTIMOJ DE LA ATOMBOMBO"

La kolektitaj en unu volumo travivaĵoj de atombombvunditoj en Hiroŝima aperis sub titolo „Viktimoj de la atombombo". En Esperanton ĝin tradukis la heroe sin bruligita s-ano Jns-Ĉunoŝin. Ilustrita, bindita, 136-paĝa libro, eldonita de Asake-Syoboo, P. O. Kesto 439, Centra Poŝtoficejo, Tokio, Japanio.

La ambaŭ bildoj — sube — estas prenitaj el la libro „Viktimoj de atombombo" kaj montras la teruraĵojn post la atombomba eksplodo.





**NOVAJ MEMBROJ DE TEJA**

Ulbrich Lins, Gemerkenstrasse 146, D-7, Köln-Dellbrück, FR Germanio.

Oktavij Obodovskij, Kaliningrad (obl), Poĉtamt, abon. jaŝĉik 193, USSR.

Ĥarkovskij Aleksandr, Moskva G-48, Frunzenskij Val 38, ap. 55, USSR.

Matvijŝin Jaroslav, Kiev—1. Do vostrebovania, USSR.

**Ŝanĝo de adresoj**

Jozef Ŝnejder, ul. Njutona 133/20, kv. 37, Ĥarkov — 96, USSR.

*Jerzy Uspienski (estrarano de TEĴA), Varszawa 12, str. Broniwoja 6 m 30, Pollando.*

---

la ŝipo. — Reskribu ĝin por mi, fraĉjo, por memoro.

Mi plenumis lian peton.

Iom pli malfrue Juŝĉin konatiĝis kun Serebrjanikova — la vidvino de la pereinta komandanto de la kirasŝipo „Borodino". Kiam li tralegis al ŝi la skizrakonton, ĝi plaĉis al ŝi kaj tuj sendis ĝin al „Nova Tempo".

Antaŭ la domo de „Nova Tempo" kvinopo de la maristoj restis surstrate, kaj mi kun du aliaj eniris en la redakcion. Miaj piedoj apenaŭ moviĝis. Mia vizaĝo flambrulis, kvazaŭ mi prepariĝis fari ian krimon. Tamen miaj kamaradoj kuraĝigis min:

— Strangulo! Ne estos pli terure ol estis apud Cuŝima!

Ni prezentis niajn dokumentojn kaj mi kun balbuto klarigis la kaŭzon de nia ĉeesto. Min aŭskultis plenaĝa homo kun duigita barbeto, kiu indulgeme ridetis. Post kontrolo li diris:

— La honorarion vi povas ricevi, sed vi devas anticipe preni la konsenton de Serebrjanikova, la edzino de la mortinta ŝipestro. Via materialo estis sendita per ŝi al la redakcio. Jen ŝia adreso.

Ni ekiris serĉi la necesan adreson kaj post duonhoro ni flugis jam al la redakcio. Pos iomaj formalaĵoj ni direktiĝis al la kasgiĉeto. Oni diris al mi:

— Subskribiĝu kaj ricevu kvindek du rublojn.

La menciita sumo rigidigis min — tiom nekredebla ĝi ŝajnis al mi.

Mi demandis timeme:

— Ĉu vi ne eraras?

En tiu ĉi momento mia kamarado de la unua flanko ektiris mian palton, kaj tiu de la alia flanko trapuŝis miajn ripojn, kio signifis, ke mi estas tutcerta stultulo. La kasisto ankaŭ ofendiĝis kaj severe respondis:

— Nenia eraro. Kvincent kaj dudek linioj po dek kopekoj por linio, entute kvindek du rublojn.

Kun penego mi subskribiĝis, desegnante laŭvice la literojn kun tremanta skribplumo, sed malsupren ni ekkuregis kvazaŭ flugantaj per bildflugiloj.

Tradukis: *O. Obodovskij*

## RICEVITAJ ELDONAĴOJ

*— Poŝlibro de la turista gazetaro — en angla, franca kaj germana lingvoj — kolekto de adresoj de ĉiuj organizaĵoj, oficejoj, gazetoj, revuoj turistaj, ĵurnalistaj ktp. de la tuta mondo. Bone bindita, 320-paĝa, por 1968—1969. Estas menciitaj ankaŭ ĉiuj organizaĵoj, oficejoj kaj gazetoj uzataj Esperanton. La libreto estas eldonita de Condor Fludienst GMBH. En la redakta komitato partoprenis ankaŭ nia s-ano kaj kolego Dr. Hj. Unger, ĉefredaktoro de „Welt auf Reisen" (Vojaĝa Mondo) — turista bela revuo. Adreso: Dr. Hj. Hunger: Zürich 22, Scheweiz (Svisio).*

*— Antaŭen sub la glora standardo de la Oktobra Revolucio — de Le Duan, tradukis s-ano Dao Anh Kha· Libreto 64-paĝa, eldono de Fremdlingva Eldonejo, Hanoi, 1968, Vjetnamio.*

*— Ilustrita poŝtkarto — okaze de la 3000-a faligita usona aviadilo super Demokratia Respubliko Vjetnamio.*

*— Murkalendaro 1969 — granda formato, de Bulgara Esperantista Asocio. Eldonis kaj liveras Bulgara E. Kooperativo — str. Vitoŝa № 40, Sofia, Bulgario. Prezo 0.20 levoj.*

*— „Naroden Drugar" (Kamarado de l' popolo) — bulgarlingva gazetaro de distrikta urbo Jambol, Bulgario. En № 128 aperis la rakonto „Ebriulo" de hispana verkisto Ignaei Inglesias, sendita en E. al la jambola gazeto de s-ino Maria Rosa el Barcelona.*

*N-ro 2 de „Tra la Soveta Ukrainio" ni ricevis en la lasta momento, redaktita kaj kompilita de s-ano V. Miŝĉenko. En tiu oktobra n-ro de la pres-bulteno estas pluraj artikoloj kaj materialoj de V. Ŝevĉenko, V. Sobko, J. Tkaĉenko k. a.*

## NOVAJ KONTRIBUAĴOJ

*S-ano A. Logvin sciigas, ke la iniciato de d-ro S. Bacskai, pri kiu li skribis en la pasinta n-ro de „I. Ĵ." (en artikolo „De la ablana-ĝis Esperanto" sekvis ankaŭ d-ro Lajos Marton, redaktoro de „Internacia Jura Revuo", Budapest, kaj Jugoslavia Esperanto-Ligo, donacinta 4-jaran kompledon de revuo „La Suda Sielo".*

*La redakcio de „Internacia Ĵurnalisto" salutas ĉiujn legantojn de la organo de TEĴA okaze de la Novjaraj fes'otagoj kaj bondeziras al ili kaj iliaj familianoj sanon, feliĉon kaj sukcesan laboron dum 1969 jaro!*

## GRANDA ESPERANTO-KONKURSO KUN PREMIOJ

Okaze de la proksimiĝanta jubileo — X-jaro de la redakcio de la disaŭdigoj en Esperanto de la Pola Radio, kiu pasos la 4 de aprilo 1969 — ni anonca Grandan Konkurson kun Premioj.

La ĉefa premio estas alveno al Pollando por 12-taga restado. La vojaĝo ambaŭflanken kaj la restado kompreneble senpagaj.

KAJ JEN DEMANDOJ DE NIA KONKURSO:

1. En la jaro 1887 estis eldonita la unua lernolibro de la internacia lingvo Esperanto.
   Menciu la nomon de la urbo, en kiu ĝi aperis.
2. En Esperanto-traduko oni eldonis plurajn elstarajn verkojn de la pola literaturo.
   Menciu unu el ili.
3. En la jaro 1959 okazis en Varsovio la 44 Universala Kongreso de Esperanto.
   Menciu la nomon de ĝia Honora Protektinto kaj la nomon de la tiama prezidanto de la Universala Esperanto-Asocio, kiu prezidis la solenan inaŭguron

LA PARTOPRENANTOJ DE LA KONKURSO, KIUJ TRAFE RESPONDOS AL DU EL INTER LA TRI DEMANDOJ PARTOPRENOS LOTADON DE PREMIOJ, kiel: senpaga alveno al Pollando por 12-taga restado, radioricevilo, fotoaparato, elfaraĵoj de la pola popola arto, libroj, albumoj, diskoj kun verkoj de la pola serioza, popola kaj distra muziko kaj ankaŭ klaskajeroj kun polaj poŝtmarkoj kaj unuatagaj kovertoj.

La respondojn oni devas sendi al la adreso: Pola Radio, Varsovio, Pollando — kun la kromnoto: Konkurso de la X-jaro. La templimo de la alsendado: 31 de januaro 1969 (decidas la doto de la poŝta stampo). La rezultoj de la konkurso estos anoncitaj en ĉiuj tri disaŭdigoj de la „Pola Radio" en Esperanto la 15 de februaro 1969

LA GAJNINTO DE LA ĈEFPREMIO PARTOPRENOS LA SOLENAĴON DE LA JUBILEO DE LA ESPERANTO-REDAKCIO.

Por la konkurso oni rajtas alsendi pli ol unu respondon, por pligrandigi sian ŝancon, ĉiun respondon ni tamen petas alsendi en aparta, afrankita koverto Ni petas legeble skribi la antaŭnomon, nomon kaj precizan adreson.

Ni invitas partopreni nian konkurson kaj deziras bonŝancon.

POLA RADIO — VARSOVIO

**Redaktoro: Ivan Keremidĉiev — Esperov, Bulv. Hristo Botev 98, Sofia 2, tel. 83-34-04, Bulgario**